# PIERROT KAJ COLOMBINE,
AŬ
# LA MALĜOJA KOMEDIO DE LA MARKIZO

JULIO PEKÁR



Mi opinias ke neniu el vi kontestos la poetan destinon de *Monsieur de Saint Aubin*. Tiuj delikataj madrigaloj, pastoraloj kaj ravaj komedioj, kiujn li verkis por amuzi la sinjoran societon, ne nur akiris por li gloron, sed eble ankoraŭ pli multe da laŭroj ili plektis ĉirkaŭ la frunton de la markizo, ol kiom bone aspektis al lia peruko „kolombflugila".

Nu, sed ni ne forgesu, ke propre la Muzoj estas sinjorinoj, ke nia glora reĝo, por tiel diri, levis ilin je nobela rango kaj donis al ili *tabouret*-rajton en sia salono, — ni estu do ĝentilaj al ili!

La sinjoro markizo iom eble eĉ transpaŝis la limojn de l' nobeleco. Li ekkonkuris kun skribistoj kaj plumknaristoj kaj verkis poemojn, kio eble decas por tiaj simplaj burĝoj, kiel sinjoroj *Racine* aŭ *Molière,* sed ne decas por Monsieur de Saint Aubin. Tiu sola cirkonstanco servu por lia senkulpigo, ke ne ordinara profitemo inspiris lian poezion, sed vere alta celo: la amuzo de la reĝo kaj de *Madame de Pompadour!*

Ĉu ekzistas pli alta celo ol ĉi tiuj. Kaj se iu sukcesis forpeli, eĉ se nur por unu forflugema vespero, la majeste senfinan enuon de nia reĝo, ĉu tio ne estas inda merito por la senmorteco?

Jes, la sinjoro markizo estas sendube senmorta — kaj se la Parnason ni imagas tiel bondeca kortego, kia Versailles, ni povas esti konvinkitaj ke sinjoro de Saint Aubin ĝuas tie ne burĝan, sed konvenan por lia rango kaj nobelan senmortecon!

Sed se estis iu, kiun ne ebriigis sia propra gloro, kiu ĉiam povis surporti kun hontema eleganteco la laŭron ĉirkaŭ sia frunto, certe nia favorinda amiko estis tiu. Efektive, la markizo estis eksterordinare modesta, preskaŭ ĝis timemo.

Kun sia malĝoja rideto ĉiam tiel li iris-venis en la societo kvazaŭ li estus en sonĝo. Foje la reĝo vere tiel alparolis lin:

— Ĉu vi permesas, ke mi veku vin, Monsieur de Saint Aubin?. . .

Li pli amis la solecon de arbaroj kaj kampoj ol la versailles'an salon-vivon, do la solecon, kio certe estas malĝentilo, ĉar oni neniam devas sin rigardi tiel sprita, ke la societon de si mem oni preferu al la societo de aliaj.

Nu, sed ni povas pardoni al li tiun ĉi ŝajnan malĝentilon, ĉar ankaŭ en la soleco de boskoj propre li ne estis sola, sed en la societo de la plej belaj kaj plej spritaj damoj: la Muzoj.

Multajn kortuŝis la delikataj virtoj de la markizo, sed ankaŭ multaj nur amuziĝi povis je liaj strangaĵoj. Al la lastaj apartenis la sinjorinoj.

Kiom sukcese kortumis sinjoro Saint Aubin la muzojn, tiom malmultan ŝancon li havis ĉe la vivaj sinjorinoj. Se iu virino lin alrigardis, tuj nedireble konfuziĝis nia milda markizo ! . . . Kaj la virinoj ja ne ŝatas tion. Niaj paŝtistinoj prefere tion pretendas, ke ilin oni konfuzu!

Vane, ĉi tion, ŝajnas, ne kapablis nia amiko, — ne estis en li tiu kara aŭdaco, sen kiu la sinjorinoj neniam povus ĝui la distrajn ĝojojn de l' venkiteco dum la paŝtistaj horoj.

Kvankam, ĉu mi diru, ke sekrete ne estis pli amema homo en la mondo ol Monsieur de Saint Aubin? Revema poeto li estis kaj la virino estis la sola penso de lia vivo.

Kompatinda markizo! Ĉu li sciis ke la timemaj animoj similaj al li neniam povas havi ŝancon por la dolĉa feliĉo. — maksimume nur por la ama ĉagreno? Li ĉiam esperis ke fine tamen li trovos la paŝtistinon de sia koro — li esperis kaj verkis; verkis siajn poemojn kaj komediojn.

Iun tagon la reĝo demandis lin kun bonvola interesiĝo, kial li ne provas ankaŭ la heroan poezion kaj kial li ne verkas tragediojn laŭ la modelo de sinjoro Corneille ?

Monsieur de Saint Aubin embarasiĝis pro la neatendita manifesto de la majesta bonvolo kaj larmoj ŝtelis sin en liajn okulojn. Emociite li promesis ke la proksiman fojon li verkos tragedion . . .

Nu, vi demandas min, ĉu li tenis sin je sia vorto? Jes kaj ne, kiel ni volas! La milda markizo ne titolis tragedio sian lastan verkon; komedio ĝi estis, sed kiel vi vidos, lastmomente li ŝanĝis ĝin. Lastmomente vere tragedio ĝi fariĝis . . .

*

*„La feliĉa Pierrot"* ; ĉi tiu estis la titolo de la lasta verko de sinjoro Saint Aubin. Propre delikata pastoralo estas ĉi tiu komedio. Neniam pli ameme kaj seife kaptis la rimon la plumo de l' markizo, ol ĝuste en ĉi tiu verko.

Subtile simpla estas la strukturo de l' tuto, sed tiom da sento pulsas en ĝi, ke abunde kompensas ĉi tio la mankon de la tro konsciaj poeziaj artifikoj.

La lukton de la vera amo kun la intrigo kaj la finan triumfon de l' fidelo figuras la teatraĵo. Inter ĝentilaj paŝtistoj okazas la tuto.

En la komenco de l' komedio en pasia sceno pentras la markizo la amon de *Pierrot* kaj *Colombine-Bergère,* kiuj, inter siaj ŝafidoj, en la brakoj unu de la alia, ĵuras eternan fidelon. Nedireble feliĉaj ; kaj restus ja sennuba ilia



L. de Paál: Arbara profundo

ĉielo, se dum la foresto de Pierrot la malica Arlequin ne ekdezirus la dormantan paŝtistinon. Per atenca kiso li vekas Colombine, ŝi malesperiĝinte rifuzas lin, sed Arlequin ne cedas. Li komencas la tentan laboron de l' delogo. En diversaj maskoj li vizitas la paŝtistinon. Li aperas kiel riĉega komercisto, kiel almozulo, kiel ermen-mantela reĝido kaj fine kiel trubaduro...

Colombine fidele rezistas kaj nur tiam ŝi ŝanceliĝas por momento, kiam la trubaduro Arlequin logas ŝin en sia dormo per tiu kanto, per kiu Pierrot gajnis ŝian koron.

Ŝi kredas ke Pierrot vokas ŝin, li estas apud ŝi . . . kaj sinforgese ŝi kliniĝas sur la kolon de Arlequin.

Pierrot tiam alvenas hejmen kaj vidante *Colombine'n* en la brakoj de aliulo, malesperiĝinte li elmigras en la mondo. Nedirebla estas lia ĉagreno, sed kiel fidela paŝtisto, li ankoraŭ ĉiam esperas.

Kiam falinte sub arbo, per kortuŝaj versoj li deklamas sian ĉagrenon, la flugila, eta Amoro venas antaŭ lin kaj anoncas ke Colombine, lin serĉanta kaj priploranta, jam trovis liajn postsignojn kaj tuj ŝi estos apud li. Pierrot vekiĝas kaj lastfoje li volas provi la paŝtistinon. Ŝajne li pikas ponardon en sian koron kaj tiel li atendas la karulinon.

Per la kortremiga vekrio de Colombine li konvinkiĝas

## LEGENDO

*Pluvlarma vento arbojn skuas, skuas...*
*kaj ftizon de patrin' kuracas frua mort'.*
*La karan hejmon — mem la viv' detruas;*
*malsata Joĉjo plendas jam ĉe fremda pord'...*

*Pluvlarma vento arbojn skuas, skuas...*
*jen tago de l' Mortintoj: festo de l' tombej'.*
*Florpompo. Kandelbriloj. Pio bruas;*
*ĉe tomboj preĝmurmuras burĝo kaj plebej'...*

*Pluvlarma vento arbojn skuas, skuas...*
*la orfa Joĉjo en tombejo vagas nun.*
*Malplenaj manoj... Salaj larmoj fluas:*
*„Al vi, patrinjo, nek floret'... nek kandellum'..."*

*Pluvlarma vento arbojn skuas, skuas...*
*florpompa tomb' kun kandelar' haltigas lin.*
*Preĝmetas manojn Joĉjo kaj genuas:*
*„Vi, riĉa tomb', donacu iom por patrin'..."*

*Pluvlarma vento arbojn skuas, skuas...*
*la tomb' silentas... Kor' ne batas sub marmor',*
*sed jen — miraklo kredi lin instruas;*
*sur panja tomb' — kandelo flagras, pompas flor'...*

## MIA REĜLANDO

*La lando estas ĉambro*
*kaj reĝo — mi sen kron',*
*sed el reĝin-okuloj*
*rebrilas al mi tron'.*
*Orblondaj ondaj haroj*
*servadas por mantel',*
*nektar' min ebriigas:*
*la vin' de kismiel'.*

*Popolo estas — bubo,*
*tre vigla brava knab',*
*rajdante sur genuoj*
*li estas — tuta stab'.*
*La sceptro estas — vergo*
*kaj kiel saĝa reĝ',*
*mi batas la popolon,*
*se tedas lin — la leĝ'.*

*Sed se maten' krepuskas*
*kaj krias kok' en kort',*
*elmigras tuj la reĝo*
*el lando sen eskort'.*
*Dum la reĝin' fabelas:*
*„Trans... granda ocean'..."*
*la reĝo kuras vane*
*por — ĉiutaga pan'.*

*Julio Baghy.*

pri ŝia fidelo. La paŝtistino genuas apud li, preĝas al la dioj, ĉar ŝi kredas ke per siaj kisoj ŝi revivigas Pierreton. En ĉi tio, kompreneble, ŝi sukcesis. La ŝajna sinmortiginto ne lasas longe nereciprokitaj la kisojn de l'amatino. La eraro solviĝas kaj la geamantoj repaciĝas. Tiam ree aperas la eta Amoro kaj kondukas antaŭ ilin la ligitan kulpulon: Arlequin-on. Li vokas al Pierrot, ke li juĝu pri li. Colombine volas kondamni la atenculon je morto, sed Pierrot noble pardonas lin, dirante:

— Iru vian vojon, Intrigo, la Amo pardonas vin! Mi venkis vin! Plu vi ne povas malutili al mi . . .

Sed ĉi tiu estas nur la teatraĵo, — vi diras — kie estas malantaŭ ĝi la romano de la milda markizo? En unu vorto vi povas legi ĉi tiun romanon, nur rigardu la titolpaĝon de la unua eldono de l' komedio. Vi legos tie ke la teatraĵo estas dediĉita al *Madame la Vicomtesse d'Artigny*...

◆

Mi opinias, vane ni cerbumus, kio igis Madame d'Artigny-n je tio, ke ŝi rimarku la mildan markizon. Kio povis interesi la plej koketan korteganinon de *Trianon* en tiu pala, revema poeto, pri kies embaraso tiom amuziĝis la sinjorinoj? . . .

Estas eble, ke post la scienca ama arto de princo Richelieu la incito de novaĵo tiris la vicomtesse'n al la markizo, — estas eble ke nur por komparo ŝi koketis al li, sed ankaŭ tio ne estas neebla ke por momento vere ekplaĉis al ŝi sinjoro Saint Aubin. Sed miaparte mi kredas ke ne decas akuzi la vicomtesse'n per tio ke tiom ŝi estus forgesinta pri si!

Madame d'Artigny estis tro ambicia kaj post marŝalo Richelieu ŝi volis plaĉi al la reĝo. Jes, sed estis malfacile altiri la reĝan atenton!

La vicomtesse tiel opiniis atingi sian celon plej bone, se en ia ĉarma rolo ŝi povas sin prezenti antaŭ lia reĝa moŝto sur la scenejo de la *petits cabinets*.

Sed kiu verku por ŝi ĉi tiun rolon? . . . Tiam ŝi elokulumis la markizon.

Ne necesas diri ke sinjoro Saint Aubin ne estis peza ĉasaĵo. Kiam la poeto vidis ke fine troviĝas virino kiu ne ridetas je lia timemo kaj embaraso, kiu ne evitas lin, sed konvertiĝinte el la vantaĵoj, ameme ŝi aŭskultas liajn vortojn, — ĉu ne komprenehle ke tiam li rekonis en ŝi sian delonge prirevitan paŝtistinon? Dum kelkaj semajnoj li fariĝis tute la sklavo de la vicomtesse!

— *Bergeronette,* — li flustris foje, genuante antaŭ ŝi, — ho, diru, kiam vi jam indulgos min?

— *Mon berger,* — respondis la vicomtesse ridetante, — tiam, kiam en bela poemo vi prikantos nian amon...

Ĉu mi diru ke sinjoro Saint Aubin sentis sin tro feliĉa ke ĉi tiun ĝojon li povis fari al sia idolo? Li eksidis kaj verkis kun ekstaza entuziasmo sian *Feliĉan Pierroton.*

Tial ĝi estas tiom delikata, tiom ĉarma, ĉar sian tutan, senfinan amon li enspiris en ĝiajn rimojn, kiom li nur sentis al la falsema vicomtesse.

*

Mem la aminda kardinalo Bernis trarigardis la teatraĵon kaj akceptis por la reĝa malgranda scenejo.

Temis pri la roldivido: Madame d'Artigny estus ludinta Colombine-Bergere'on, kaj la markizo Pierrot'on. Sed kiu ludu Arlequin-on?

La poeto enpensiĝis. Li estis feliĉa kaj li ne bezonis plu publikan triumfon, sed kun certa naiva venĝemo tamen li volis ke la rolon de la *venkita Intrigo* ludu tiu sama rivalo, de kiu li konkiris sian paŝtistinon.

Kompatinda markizo! Se mi dirus al vi ke ĉi tiu ŝajne venkita rivalo estis kavaliro Riom mem, mi kredas, ankaŭ vi jam antaŭe tutkore kompatos sinjoron Saint Aubin.

Eĉ la plej koketa virino havas malfortan flankon, kie ŝi estas samtiel sendefenda, kiel la plej sensperta knabino. Nu, se la tuta vira mondo estis la sklavo de la vicomtesse, — al ŝi diktis la kavaliro. Sekrete ĉi tiun diable ruzan kon-

kiranton ŝi amis de jaroj kaj ĉi tiu ambicia aventuristo estis ŝia kompaniano en iliaj komunaj grandaj projektoj.

Se vi nepre volas, mi povas rakonti ke mem sinjoro Riom persvadis la vicomtesse'on, ke ŝi aspiru la postenon de la reĝa amatino, ĉar ĉi tio malfermis fendon ankaŭ por li al la kortegaj intrigoj...

Kompreneble ke tiam, kiam Madame d'Artigny koketis al la markizo, la kavaliro devis ŝajne venkiĝi sin de la poeto. Animi li devis lin per io...

Sinjoro Saint Aubin hontante konfesis al la vicomtesse, ke li tre volus ke kavaliro Riom ludu la rolon de Arlequin. Kun certa infana timemo li flustris al ŝi ke li estus feliĉa, se ankaŭ la kortego vidus lian triumfon.

La koketa vicomtesse ekridegis kaj kun preta ĝojo ŝi konsentis. Ŝi promesis ke ŝi mem persvados la kavaliron...

*

Ĉu estis pli feliĉa homo en la mondo, ol la markizo, kiam komenciĝis la provoj? El kio la vicomtesse ankoraŭ ĉiam nenion volis doni al li, abunde li elprenis el tio sian parton dum la provoj. Ĉar ja, eĉ se nur sceneje, sed li povis brakumi, kisi sian idolon!...

Konsiderante ja ĉi tion jam antaŭe li verkis tiel la teatrajon, ke Pierrot povu kiel eble plej multe kisi Colombine'on kaj la paŝtistino kiom eble plej multe da plej amaj konfesoj faru al li!

Li mem estis la reĝisoro kaj ĉiam li trovis ke Colombine neniam deklamas sufiĉe arde siajn korelverŝojn kaj ĉefe sian fidelĵuron ŝi ne diras kun sufiĉe konvinka entuziasmo.

Li senfine ripetigis siajn amajn scenojn kaj ĉiam antaŭ la cinike ridetanta Riom... Eĉ se li triumfis je li, kvazaŭ sentante sian pereon — de tago al tago pli kaj pli li malamis lin denove.

La rolon de Arlequin li neniam trovis sufiĉe repuŝa kaj okaze li ĉiam alskribis ian abomenan trajton. Estu do nur tiom pli granda je la fino la triumfo de Amo je Intrigo.

Li konstante turmentis per sia ĵaluzo la vicomtesse'on. La koketa virino nur ridis kaj silentigis lin kvazaŭ infanon, sed poste ŝi enuis la aferon. Tiom pli, ĉar aliflanke ankaŭ la kavaliro komencis rigardi per kurbaj okuloj ŝian brakumadon kun la markizo.

Fine oni anoncis la komedion al la reĝo kaj lia reĝa moŝto mem fiksis la tagon de l'prezentado. Nur tion ĉi atendis Madame d'Artigny. Nun jam estis preta la teatrajo, la rolo, ŝi jam finlernis ĝin, — ŝi jam ne plu bezonis la ridinde sentimentalan poeton, kies korelverŝojn ĝis nun por la intereso de l'afero pacience ŝi devis toleri. De tago al alia ŝanĝis konduton la sprita vicomtesse.

Kaj tiam, anstataŭ la ĝisnunaj feliĉaj horoj pezaj provoj falis sur la kompatindan markizon. Li, amanto de arbara soleco, amiko de floroj, nenion komprenis el tiu intrigo, sed lia koro krevis pro ĝi. Li nur vidis ke lia idolo kaj disĉiplino nun subite neglekte kaj enue muelas tiujn amajn partojn, kiujn li tiel karese instruis al ŝi kaj ke kontraŭe Colombine akceptas multe pli cedeme la delogajn vortojn de Arlequin, ol tio estis skribita en la teksto.

Vane li citis la tekston, lia Colombine ne plu zorgis pri li, sed tie, kie ŝi estus devinta repuŝi Arlequin'on, tiel volupte kisis la deloganton, kiel lin, Pierret'on ŝi estus devinta kisi... Li rimarkis ke alia vento vekiĝis en la aprila koro de l'vicomtesse, ke ne lin ŝi amas plu, sed tiun rivalon, pri kiu li kredis ke por ĉiam li venkis lin.

— Bergeronette, — flustris la markizo, — ĉu vi do ne plu amas min?

Madame d'Artigny ridegis en liajn okulojn... Kaj de tiam granda ĉagreno ekloĝis en la animo de sinjoro Saint Aubin. Nenion plu li parolis, li ne tedis Colombine'on per sia ĵaluzo, li nur malgrasiĝis kaj konsumiĝis de tago al tago. Li jam apenaŭ havis forton por ludi...

Larmoj ŝteliĝis en liajn okulojn, kiam kun soifa ĉagreno li flustris la konfeson de Pierrot kaj foje li laŭte ekploregis, kiam li aŭdis la mensogan fidelĵuron de Colombine.

Du tagojn antaŭ la prezentado li malsaniĝis kaj li anoncis al Madame de Pompadour, ke li ne povos ludi.

En la lito lin atingis la denove mensoge sentimentala letero de la vicomtesse, en kiu la paŝtistino petis lin pro ĉiuj sanktuloj ke, eĉ se duonmortinte, sed li ludu, „ĉar la reĝo certe ĉeestos"...

Kompatinda amanto! Ankoraŭ laste li lasis sin trompi kaj li kredis ke la vicomtesse eble tamen nur lin amas kaj tial ŝi vokas lin tiom, ke en la rolo de Colombine ŝi povu konfesi al li veran amon...

*

La plej brila festo de l'printempo estis tiu trianona posttagmezo... En iu arkadia angulo de la parko estis la scenejo kaj sur la rigardejo ĉirkaŭ la velurŝeĝo de l'reĝo ĉeestis la tuta Versailles.

Lia reĝa moŝto rigardis la teatrajon kun eksterordinara bonvolo; eble nur mem la personon de l'vicomtesse li detaligis kun pli granda bonvolo... Sed li miris ke sinjoro Saint Aubin, kontraŭ sia promeso, verkis denove komedion.

La roluloj estis eminentaj. Colombine-Bergère aspektis

## *MOESTA ET ERRABUNDA*

*CLARLES BAUDELAIRE*

*Ho diru, ĉu la koro ne tiras for, Agata,*
*El la nigranta maro de l'urb' malpura vin'*
*Al mar' alia, blua, de brilo radiata,*
*Profunda, klara, kiel la ĉasto de virgin',*
*Ho diru, ĉu la kor' vin ne tiras for, Agata?*

*La mar' la vasta mar' nin konsolu en ĉagren'!*
*Kiu demono donis al raŭka kantisto*
*Akompanata de la muĝanta vent-orgen'*
*Ĉi delikatan povon de milda vartistino?*
*La mar', la vasta mar' nin konsolu en ĉagren'!*

*Ho portu min, vagono! flugigu, vel' fregata!*
*For, for! Ĉi tie estas la kot' el nia plor'!*
*Ĉu ne? Vin ofte urĝas la larma kor', Agata:*
*For, for de animmordoj, de krimoj', de dolor'*
*Ho portu min, vagono! Flugigu, vel' fregata!*

*Parfuma paradizo! Ho kiel fore jam!*
*En kiu, sub lazuro, nur am' kaj ĝoj' sin donas,*
*Kaj inda estas ĉio amata je la am'*
*Kaj en volupto pura la koro tie dronas.*
*Parfuma paradizo! Ho kiel fore jam!*

*La verda paradizo de amoj knabnaivaj,*
*Pelludoj, kantoj, kisoj, bukedoj, kompliment',*
*La vibraj violonoj post montoj mol-deklivaj,*
*Kun kruĉ' da vin' en bosko, tra la vespersilent',*
*La verda paradizo de amoj knabnaivaj.*

*La paradiz' senkulpa, pasema idili'*
*Ĉu ne pli malproksimas, ol hinda, ĉina tero?*
*Ĉu povas ni revoki ĝin per plendanta kri',*
*Ĉu povas voĉ' arĝenta ĝin veki por apero?*
*Ho, paradiz' senkulpa, pasema idili'!*

*El la franca: K. de Kalocsay.*

belege, bonega estis Arlequin, kiel malica deloganto, sed en la sceneja efekto neniu el ili povis konkuri kun Pierrot. La markizo ludis kun ia maltrankviliga, febra ekstazo ... Liaj amikoj, kiuj ĵus antaŭe vidis lin duonmortinta, ekmiris pro lia subita transformiĝo.

Tion vere neniu sciis, eĉ ne la surprizitaj geamantoj, kion vidis la poeto tuj antaŭ la komenco de l'prezentado post la dekoracioj. Li surprizis la vicomtesse'on kaj la kavaliron en freneza brakumo kaj nun li jam sciis ke la idolo de sia koro vere ne amas lin, sed lian rivalon...

Kvazaŭ fulmo frapis tiu ĉi scio la velkintan, malsanan homon, sed en la sekvinta momento, jam donis al li ian fatalan forton certa penso... Li volis ludi denove kun Colombine. Kaj la kompatinda Pierot ludis kortuŝe ĉagrene, kun tiel minaca bonhumoro, ke la publiko atentis liajn vortojn kun tremanta plezuro.

En lia unua granda sceno kun Colombine estis tiom arde avida malespero, ke lia reĝa moŝto kapbalancis ĝustige kvar kaj duonon da fojoj kaj levis la manojn por aplaŭdo. Nur tiam troigis iom la markizo, kiam la konfeson de Colombine li devis aŭskulti; per preskaŭ malamanta ardo li premis al si sian amatinon. Kaj la scenon de ĵuro li efektive fuŝis, — li mem ĵuris sian eternan fidelecon per ia fatala seriozo, sed je la aŭdo de la ĵuro da l'vicomtesse subite li nekompreneble ekridegis...

Sekvis la scenoj de Arlequin; kiam la koketa Colombine kun certa nemotivita ardo toleris la brakumon de l'deloganto, subite vidis la publiko, ke Pierrot sinforgese miras ilin kaj forgesas sian direndon... Nu, sed ĉi tio estas sensignifa bagatelo. Kun konstante kreskanta efiko daŭris la teatraĵo.

... Ni estis ĉe la lasta sceno. La trompiĝinta Pierrot falis sub la arbo kaj kun tia malespero li deklamis sian ĉagrenon, ke preskaŭ konfuza movo estis rimarkebla en la vicoj de la sinjora societo. Tiun parton, en kiu li diras ke li tamen kredas je sia amatino kaj nur lastan provon li volas fari pri ŝi, la markizo ludis iom pli neglekte...

Aperis Amoro kaj anoncis al Pierrot ke Colombine, lin serĉanta, jam trovis liajn postsignojn kaj ŝi estos ĉi tie. Pierrot rigardis posten kaj vere li ekvidis sian amatinon.

Nun alvenis la momento de la ŝajna sinmortigo. Li eltiris sian ponardon. La publiko ankoraŭ miris kaj laŭdis la luksecon de la scenejaj aĵoj, ke la markizo ne venis kun ordinara, farbita lignopikilo, sed kun vera ponardo. Kaj kun tiel natura movo li pikis ĝin en sian bruston, ke la rigardanto vere ne povis kompreni, kien li povis glitigi la pinton de l'ponardo, kun tiom da reala arto li paliĝis kaj baraktis sur la tero ke mem ankaŭ la reĝo ektremis kaj laŭdis lin per laŭta *bravo!...*

Colombine elpaŝis iom enue. Lace ŝi deklamis la ĉagrenojn da l'paŝtistino serĉanta sian amaton. Ŝajnis ke jam antaŭe ŝi abomenas tiujn kisojn, per kiuj ŝi devos revivigi Pierrot'on. Fine ŝi paŝis al la ŝajne sinmortiginta paŝtisto, kiu ankaŭ plu bonege ludis sian rolon. Ŝi kliniĝis apud li, por ĉirkaŭpreni lian kolon... Sed tiam terura vekrio ŝiriĝis el inter la lipoj de Colombine.

— — — — — — — — — — — — — — —

La reĝo kaj la kortego ĉirkaŭstaris ŝtoniĝinte pro la teruro Pierrot'on, baraktantan en sia sango. La markizo mortante leviĝis iom. Malforta rideto konvulsiis ĉirkaŭ liaj lipoj, kiam li suprenrigardis al la reĝo:

— *Sire*, pardonu min, ke... tiel ... lasta-momente... mi ŝanĝis en mia teatraĵo... Malbona estis la... fino, Colombine tamen estos pli feliĉa... kun Arlequin... Pierrot povas iri... *Sire*, bonan nokton...

— — — — — — — — — — — — — — —

Lia reĝa moŝto plej bonvole honoris la subulan fidelon de Monsieur de Saint Aubin.

— Jen, sinjoroj, — li diris kun solena voĉo, — la sinjoro markizo certe troigis sian subulan fidelon, sed tamen laŭdinde, ke, eĉ se je la kosto de sia vivo, li plenumis la promeson faritan al sia reĝo kaj por la surprizo de ni ĉiuj, li improvizis tragedion el sia komedio...

El la hungara: *Karlo Bodó*

# PAPERSAKETO DA SUKERAĴOJ

HASSE ZETTERSTRÖM

Ĵus min enlitiginte mi ekvolis estingi la lumon; tiam mi aŭdis, ke knaras la ŝtuparo de le supera etaĝo. Tuj oni frapis je la pordo kaj mi vokis: eniru.

Sur la sojlo ekstaris Emanuel en sia longa blanka noktoĉemizo.

— Kion vi deziras? mi diris.

— Kuŝante mi pensis pri afero, kiun mi volus demandi.

Emanuel aspektis tre serioza. Li apogis sin kontraŭ la pordfosto kaj diris kun malrapida kaj iom solena voĉo:

— Se knabo vizitas kun knabino teatron aŭ kinematografejon, kaj li havas papersaketon da sukeraĵoj, ĉu li do devas donaci al ŝi la tutan saketon aŭ ĉu li nur petu ŝin preni el ĝi? Astrid diras, ke li ne estas korekta, se li ne donacas al ŝi la tutan saketon.

Mi ridetis pensante: Jen ni estas tie. Deksepjara, kaj jen komencas... la devoj de la *gentleman*. La momento venis, tiu momento en la vivo de viro, kiam li perdas sin mem fariĝante la servanto kaj sklavo de virino.

Mi diris:

— Vi plejvole preferas doni al ŝi po unu pecon, kio estas ja la plej ĝusta; sed kompreneble ke vi donu al ŝi la tutan saketon. Vi nepre devas fari tion kaj devas ankaŭ ĝoji, ke nur estis saketo da sukeraĵoj.

Ekfrapis min penso kaj mi diris ankoraŭ:

— Ĉu vi demandis vian patrinon pri la afero?

— Jes, diris Emanuel kaj rigardis rekte en la aeron, — ŝi diras, ke mi devas donaci al ŝi la tutan saketon kaj ke iam mi vokos la sukeraĵistan bubon por aĉeti ankoraŭ unu saketon kaj poste ekmalaperi en la kafejon, lasante ŝin sola kun la sukeraĵo dum la tuta interakto.

Fariĝis silento, kaj je tio mi diris:

— Kompreneble ke via patrino estas prava. Ŝi estas ĉiam prava, ĉar ŝi estas virino — tiel kiel Astrid.

Ni rigardis unu la alian kaj en tiu rigardo enestis ĉia tiu bona kaj bela interkompreno, kiu ekzistas inter ĉiuj viroj de la mondo de post nememoreblaj pratempoj.

— Bonan nokton do, diris Emanuel, kaj tiel malaperis tra la pordaperturo liaj longaj mallarĝaj piedoj.

Mi estingis la lumon kaj pretigis min por dormi; tiam oni frapis mane sur la maldika tabulmuro kaj mi aŭdis la penetran knabinvoĉon de Anna-Klara:

— Mi aŭdis ĉion kion vi diris! Kial tiu Astrid havu tutan saketon da sukeraĵoj, dum mi ricevas nur tiom malgrandan peceton?

La vivo estas plena de strangaj demandoj. Oni plej prospere trapasos se oni ne povas respondi la plej komplikajn. Kaj pro tio mi kridiris returne:

— Knabino tiel malgranda, kiel vi, devas dormi je ĉi tiu malfrua horo de la nokto. Jen silentu.

Kaj tiel iĝis silento.

Sed kiam Anna-Klara estos iam deksesjarulino, ŝi ricevos tre certe tutan papersaketon da sukeraĵoj kaj neniel nur malgrandan peceton. Sed tiun saketon ne donacos al ŝi Emanuel.

El la sveda: *Paul Nylén*

# LA VUNDA PUNKTO

RAYMOND SCHWARTZ

Sur la bulvardoj oni vidis nur fremdulojn, ĉar dum somero Parizo fariĝas kosmopolita kolonio. Des pli feliĉa mi estis kiam subite mi rimarkis konatan vizaĝon!

La bonvena posedanto de tiu jam ne plu juna vizaĝo neniam apartenis al la rondo de miaj amikoj intimaj, nur malofte kaj nur tre supraĵe mi estis rilatinta kun li, sed hodiaŭ li tamen aspektis alloga kiel floranta oazo en nuda dezerto.

Kun ĝoja ekkrio mi tuj salutis lin kaj dank' al prava inspiro mi tuj alvokis lin en Esperanto, — prava inspiro pro du kaŭzoj: Unue, ĉar — kiel jam enire mi aludis — oni ŝajnus fenomena ekzemplero de antaŭdiluva speco se dum junio de Ekspozicia Jaro oni parolus france sur la Parizaj bulvardoj, kaj due, ĉar mia maljuna kunulo parolas sufiĉe bone Esperanton, kvankam li estas Lingva-Komitatano.

Mia ĝojo estis tiom sincera kaj la vetero tiom varma, ke mi tuj trenis mian viktimon al la teraso de gastema drinkejo.

„Vi faros al mi la plezuron akcepti glason da freŝa biero, ĉu ne ?" — sed konsciante, ke mi sidas apud „samideano" mi tuj prudente aldonis: „Eble vi estas kontraŭalkoholisto kaj preferos glason da citronakvo?"

„Tute ne, mia kara, — mi tre volonte trinkos bieron".

„Ah ?" mi diris, mire kaj larĝe malfermante la buŝon, — „vi trinkas alkoholon? — Sendube vi do estas kontraŭtaba..." — Mi ne bezonis finparoli, ĉar sammomente li elpoŝigis pipon kies respektinda brulujo nekontraŭdireble respondis al mia embria demando. — Re-„ah"inte mi daŭrigis:

„Vi fumas? — Eĉ tabakon vi fumas? Mi do necese konkludas, ke vi estas vegetarano ! ?"

„Vegetarano? — La bifteko kiun mi tagmanĝe malaperigis ne samopinias !"

„Diablo !" mi pensis mallaŭte kaj pli laŭte mi diris: „Pardonu mian nediskretan trudemon, sed verŝajne vi estas ĉastemulo ! ?"

Responde li nur ridetis kun ruza signifo kaj parolis : „Ĉastemulo ? — Kio estas tio ?"

Se mi ne timus ankoraŭ pli difekti mian bedaŭrinde jam tre kadukan reputacion, mi raportus laŭvorte la tekston de mia klarigo, sed estas preferinde noti nur lian respondon :

„Nu, nu", li jesis, „mi komprenas, sed, en tiu kazo, via insida demando estas tute superflua, aŭ ĉu vi forgesas junulo, ke mi naskiĝis en 1843 ? — Ah, dum miaj junaj jaroj..." kaj li reveme blovis grizbluan fumringon en la aeron... kiel oni legas en romanoj.

Por mi la problemo fariĝis ĉiam pli komplika kaj intriga. Jen eksterordinara tipo! Mi cerbumis por ektrovi lian vundan punkton:

„Strange", mi konfesis, „vi estas Esperantisto kaj tamen vi estas vestita kiel normale civilizita Eŭropano, vi eĉ surportas ĉapelon! — La steleto en via butontruo ne havas kriantan dimension kaj ne estas pli ampleksa ol bone nutrita cimo, — ĝis nun vi ne ankoraŭ parolis pri lingvaj plibonigoj nek pri internacia organizado..."

„Estas vere", li interrompis, „ke vi ne lasis al mi la tempon, — tamen, tio ne estis mia intenco!"

Mi daŭrigis mian enketon: „Ĉu vi iam rimis? iam fondis novan gazeton?"

„Neniam, nek... kabareton!" li aldonis malice.

„Bone!" mi venkocerte ektriumfis post granda streĉo de la cerbaj ĉeloj, „nun mi divenas: Vi kolektas poŝtmarkojn bildflanke!"

„Vi maltrafis! Neniam mi korespondis krom okaze de vere urĝaj aŭ seriozaj aferoj".

„Nu", mi petegis venkite, „ĉu do vi estas perfektulo?"

„Nur normala homo, mi modeste opinias", kaj tion dirinte li fintrinkis sian glason. — Intertempe mi pagis al la kelnero kaj mi reenpoŝigis mian monujon kiam, kvazaŭ haltige, li tuŝis mian brakon:

„Imagu, juna amiko, kio okazas al mi! Jus mi rimarkas, ke mi forgesis hejme mian monujon, kaj mi eliris speciale por aĉeti dentobroson al mia edzino. — Ĉu vi eble povus pruntedoneti al mi kvin frankojn? nur ĝis morgaŭ, kompreneble..."

Ankoraŭ hodiaŭ mi ploras pri la malfeliĉa sorto de miaj kvin frankoj.

---

# ARTO KAJ ARTISTOJ

PAULO VARSÁNYI : LADISLAO DE PAÁL.

L. de Paál (1846—1879), vivis sian infanaĝon en Transilvanio, en la plej bela regiono de la iama Granda Hungarujo. La Naturo frue katenis lian atenton kaj ankaŭ lian koron: 17-jara, li jam bone konis la kaŝitajn belaĵojn de sia hejma tero, kaj la skizoj pri ili, en lia ĉiam kunportita skizkajero, estas veraj amkonfesoj de burĝonanta animo al la granda Naturo.

Li malkaŝas sian deziron: fariĝi pentristo. La patro malkonsentas, li preferas la ŝtatan oficon trankvilan al la malcerta artista vivo, por sia filo. Paál ŝajne rezignas, vojaĝas al Vieno por aŭskulti juron, sed — vizitas la artan akademion.

Diligente li desegnis tie en la tre detalema skolo de majstro Zimmermann, kiu tuj rekonis lian grandan talenton kaj kiu sukcesis trankviligi ankaŭ la konsterniĝintan patron.

Sed la bagatelema desegnado tute ne konvenis al la temperamento de Paál. Same ne kontentigis lin kun sia akademiisma, artifikita, efektamasiga, spekulative emociiga direkto, la Düsseldorfa skolo, kie li poste kune studis kun Mihaelo *Munkácsy*.

Li estis tre ardema, subjektiva, forte impulsiva individuo, kiu klopodis je la senpereco de l' esprimo, kiun inspiris la granda unueco de la Naturo, kaj kiu, per larĝaj, fortaj peniktiroj volis respeguli sian internan mondon.

Multe pli influis lin liaj vojaĝoj. En Nederlando la vapora aero de la lando de Rembrandt montris al li novajn atmosferajn efektojn, kiujn li, en Londono, admire rekonis sur la bildoj de la anglaj lumpentristoj *Turner* kaj ĉefe *Constable*.

Revenante al Düsseldorf, li komencis tre diligentan laboradon, kaj, je la mokoj de la adeptoj de l' *kompozicio*, ĉiam en la libera aero. Mokoj akraj kaj laŭdoj grandaj, sukcesoj kaj malsukcesoj alternis tiam en lia vivo kaj maltrankviligis lin krome ankaŭ familiaj malfeliĉoj. Preskaŭ en malespero li ricevas la inviton de Munkácsy — al Parizo. Li hezitas. Fine li cedas al la voko de la fidela amiko.

La vigla artista vivo de Parizo, la bildoj de *Corot, Millet, Rousseau, Troyon, Daubigny* ktp. estas por li kvazaŭ revelacio. Lian revenintan memfidon plifirmigas la sukceso de la „Arbara Vojo" (Viena mondekspoz. 1873.). Kun granda laboremo, li vojaĝas, kune kun Munkácsy, al *Barbizon*, en la arbaron de *Fontainebleau*, naskotero de multaj senmortaj kreaĵoj. El la grandaj maljunuloj ankoraŭ

vivas, siajn lastajn tagojn, Millet. Sed junuloj, inter ili ankaŭ konatoj de Paál, diligente laboras en amika kolonio. Li plektas belajn revojn. Sed ilin baldaŭ disŝiras la sorto.

Lia familio hejme falas en la plej grandan mizeron. Mortas lia patrino, poste ŝin sekvas ankaŭ lia patro, inter mizeraj cirkonstancoj, kaj li ne povis helpi ilin, nek liajn fratojn, kies sorto peze premas lian koron. Pli kaj pli li malheliĝas. Zorgoj turmentas la eluzitajn nervojn, kiuj jam portas en si mortigan venenon. Li fermiĝas en si. El la sunbrilaj maldensejoj, li vagas pli kaj pli profunden, en densajojn, senhomvoĉan silenton, al solecaj platanoj, kverkoj, salikoj — kunuloj liaj en malgajeco.

Kaj la bildoj de ĉi tiu periodo akre diferencas de la pentrajoj de ceteraj Barbizonaj pentristoj, en ĉi tiuj pejzaĝbildoj pli kaj pli montras sin la *subjekto de la artisto* — ĉi tiuj pejzaĝbildoj esprimas sorton *homan*, la sorton de la artisto. El liaj malhelaj, obtuziĝintaj kolorgamoj parolas esperperdita estajo, kiu kune ĝemas kun la vespera venteto kaj kune ploras kun la aŭtuna velko.

El la letargio por mallonge lin vekis la sukceso de la „Marĉo de ranoj en la Fontainebleaua arbaro" (Salono 1876.). Samtempe kreiĝis la „Pariza vojo en la Fontainebleaua arbaro". Sed neniun el ili li povis forvendi; li refalis en apation. Lia mizero iĝis terura. Munkácsy tiam loĝis jam en luksa palaco. Verŝajne lia sinretena naturo malhelpis al Paál plendi, ĉar Munkácsy, ĝismorte fidela amiko, certe lin estus helpinta.

Nenian esperon de valoriĝo li vidis plu, lace sin trenis tra mallarĝaj arbarvojoj. Kaj, en 1877, lin trafis fatala akcidento, li vundiĝis sur sia kapo. La vundo saniĝis, sed cerbdoloroj lin turmentis senĉese, kiuj muelis al li eĉ la restajojn de lia animforto. Febra laboro lin elĉerpis ankaŭ korpe, tiel, ke liaj amikoj devis lin porti en sanatorion. Tie li mortis je la 3-a de marto 1879.

---

# O B S E R V O

J U L I O P E K Á R,



juristo, eksministro (nask. 1867), estas unu el la pleje konataj hungaraj verkistoj en la lando. Li konigis unue sian nomon per novelserio humora: „La problemoj de ĉefleŭtenanto Dodo". Longe li vojaĝis eksterlande kaj longe restadis en Parizo, en artaj kaj kulturhistoriaj studoj, kies rezulto estas multaj beletristikaj kaj alispecaj verkoj. De kelka tempo li aktive partoprenas en la politika vivo, sed tio ne faras malpli fekunda lian beletristan plumon. Noveloj, romanoj, dramoj, plej parte moderntemaj, estas liaj verkoj, sed volonte li reiras ankaŭ en lia estinton, precipe en la francan Rokoko-mondon, en la hungaran historion de la XVII. kaj XVIII. jarcentoj, kaj en la hungaran Biedermeyer-epokon. Fundamente li estas romantikisto, li preferas la mistikajn mirindajn komplikajn historiojn, sed nune aperas en lia poezio iom da sana realismo, hungaraj koloroj kaj spirito kaj ankaŭ serena humoro. Pluraj liaj verkoj estas premiitaj de la hungara sc. akademio, kies koresponda membro li estas. *Réki.*

„L A Ŝ U I S T O D E M E S S I N A",

satira historia dramo de *Alessandro de Stefani,* estos la ĉi-jara unua novajo de pluraj scenejoj. Antaŭ apenaŭ duonjaro estis la premiero de ĉi tiu stranga-gusta dramo en Romo, kie la teatro de *Pirandello,* la *„Teatro d'Arte"*, kun ĝi malfermis pordegon. Ĉe la Roma unua prezentado ĝi havis sinceran, grandan sukceson. La kritiko kaj la publiko akceptis ĝin kun la sama granda entuziasmo. Sed post la unuaj prezentadoj Pirandello vokis al si de Stefani'n por pli longa pritrakto, kies rezulto estis la jena konsilo :

— Kara amiko, vi devos imiti la metion de la heroo de via teatrajo. Ankaŭ vi devos *fliki.* Mi ne deziras ke ŝuojn vi fliku, sed vi fliku — *vian dramon.* Verku prologon antaŭ ĝin, kiu enhavos la tonon de la tuta teatrajo, la varmegan, amaran aeron, kaj kiu donu tute italan karakteron al la dramo kaj tiam... venontjare ni reprenos la „ŝuiston de Messina".

Alessandro de Stefani obeis lin. Dum la somero li verkis la prologon kiu tute kontentigis Pirandellon kaj li ankoraŭ ĉi-aŭtune, en la nova formo, prezentos denove la grandsukcesan malferman teatrajon.

La internacia publiko ankoraŭ ne konas Alessandro'n de Stefani, kiu elluktis por si eminentan nomon per kelkaj majstraj verkoj *(Malati di Passione, I giardini di Armida,* ktp.) en la nova itala literaturo. Krome li ŝatas la historiajn temojn kaj la historian aeron, sed li ne ellaboras sian temon kun la ekzaktemo de historiisto, sed ĉiam donas al ĝi poezian fonon. Tiel li verkis laŭ malnova kroniko ankaŭ „La ŝuiston de Messina", kiu ja estas historia dramo, sed en ĝi la historio estas nur fono, apud kiu supergravas simbolismo, fantasteco, mistikismo.

Sed krom ili la teatrajo enhavas ankaŭ fortan draman agadon.

En suda Italio, lando de l'pasiaj karakteroj, vivas la fanatikulo de l'Vero kaj Justeco, majstro Andreo, ŝuisto de Messina, kiu sidante sur sia tripieda seĝo, ne kontentas fliki nur ŝuojn, sed, en la silento de sia eta laborejo, rompas al si la kapon pri la flikado de la tera justodono. La princreganto ĉiam denove pekas kontraŭ la justeco, ne ĉiam punas, eĉ li mem faras ofte kulpojn, rompante la leĝojn, Majstro Andreo ne povas toleri ĉi tion. Li mem transprenas la senindulgan rolon de l'justofaro kaj en sia laborejo li mem sola fariĝos akuzisto, pledisto, juĝisto, eĉ ekzekutisto. Por kulpinto plu ne la juĝo de l' profesiaj juĝistoj, sed tiu de l'malserena, vortavara ŝuisto fariĝas fatala. Kaj tiun juĝon li ankaŭ plenumas; tagon post tagon okazas, en la noktaj silentoj, misteraj murdoj, sed la murdinto neniam estas elesplorebla. En konstanta teruro vivas la tuta urbo, kaj majstro Andreo memkontente konstatas, ke li perfektigas la justodonon. Nur unufoje li ekŝanceliĝas en sia senindulgo : ankaŭ mem la princreganto adultas, kaj, eĉ se lia kulpo ne venas antaŭ juĝistaron, la ŝuisto ekscias ĝin kaj kondamnas lin senindulge — sed la juĝon li ne plenumas, uzante sian plej ĉefan rajton de pardono. Li pardonas sian propran reganton. Sed kontraŭ aliaj li ne tiom estas indulgema. Ĝuste pro tio, la princo, kiam oni trovas sian plej fidelan kortanon mortigita sur la strato, fiksas 1000 orojn je la kapo de la nekonata murdinto.

La ŝuisto estas tre malriĉa. Kun li vivas en mizero lia fratino, gvidanta lian mastrumadon. La knabinon amindumas kun amo je morto iu junulo en la urbo, ankaŭ mem malriĉa, ne povanta ŝin helpi. Malesperiĝinte, li iras al la princo, akuzante sin mem pri la murdoj. Sed la ŝuisto, fanatikulo de la Vero, eksciinte ĉi tion, rapidas al la princo. En granda sceno, ekscitiĝinte li jetas al la princo, ke *li* devis fari juston, ĉar en la urbo ekzistas nur falsistoj de justo. Li konfesas, ke li mem estas la vera murdinto. Kiun la ŝuisto foje kondamnis, sed poste pardonis, la princo nun uzas la rajton de pardono por la ŝuisto kaj sendas lin hejmen kun la rekompenco de mil oroj. Sed antaŭe li pruvas al la ŝuisto, ke la murditoj ne estis kulpaj pri tio, pro kio ili estis mortkondamnitaj de la ŝuisto.

Ĉi tio konsternas kaj taŭzas la animon de nia ŝuisto. Li rekonas ke ĝis nun li ne estis juĝisto, sed murdisto ordinara.

Kaj nokte vere aperas antaŭ li la spiritoj de liaj murditoj. Kaj sub la terura voĉo de la konscienco majstro Andreo tranĉas sian gorĝon per la ŝuista pikilo kaj per tio li faras sian novan, nun jam lastan murdon.

Majstra kunfando de la fantastajoj, misteroj, poezio kaj realo estas ĉi tiu dramo, kiun el malnova kroniko ĉerpis Alessandro de Stefani. La teatro de Pirandello prezentis la profundsencan teatrajon en grandioza kunludo, el kiu leviĝas, eĉ, la ludo de Lamberto Picasso, la neforgesebla prezentanto de la ŝuisto de Messina. *—u. —e.*

*(Daŭrigo de la dua paĝo)*

sorĉo. La „oriento" estas nur kadro, kiu ebligas fabelmaniere ornami la veron de ĉiu mondparto. La grandtalenta verkisto antaŭ ni tenas spegulon kaj rekonante niajn absurdajojn tamen ni ne povas koleri. Ni ridas kaj ridas eĉ pri ni mem. La rido estas elkora kaj ni kapjese konstatas, ke tiu-ĉi rusa verkisto delikate ruze tuŝas la malfortan flankon kaj mirinde ne doloron sed tiklon kaŭzas. La brila interpretado multon helpas en la sukceso. *N. Hohlov* montras sin ne nur lerta, sed perfekta en la tradukarto. Lia eleganta stilo garantias artan ĝuon por la leganto kaj mi rekomendas al ĉiu la aĉeton de la verko, ĉar krom la plezuro oni ekkonas, kiel devas aspekti la *„imitinda stilo."*

HENRYK SIENKIEWICZ: NOVELOJ

El la pola. trad. Lidja Zamenhof. 64. pag.

Jam estas bone konata antaŭ la E-ista publiko la nomo de *Sienkievicz*, ĉar kelkaj el liaj verkoj aperis en bonaj tradukoj de niaj eminentuloj. *Lidja Zamenhof* aliĝis al tiuj per sia distinginda kaj rimarkinda traduko. Ŝia arta gusto bone elektis, ŝia lingva lerteco sukcese interpretis. La noveloj estas ĉarmaj, kortuŝas kaj akcelas la formadon de pli kompleta bildo pri la mondfama verkisto. Ne estus mirinde, se la unua eldono baldaŭ elĉerpiĝus, ĉar la verketo meritas la atenton de ĉiu literaturamanto. Mem la firmo eldonanta konsciis pri tio kaj uzis pli bonkvalitan paperon por akiri plenan kontentecon ĉe la leganto. *Jobo.*

LA URBESTRO DE ZALAMEA.

Dramo en tri aktoj. El la hispana originalo: Enrique Legrand. Montevideo. Eldono de la tradukinto 1925.

La dramo estas strange viva ankaŭ por ni. Ne estas plu aktuala ĝia tendenco, ne estas moderna la dramista konstruo, tamen, trans aktueleco kaj modo, ĝi enhavas moralaja instruojn ĉiam validajn kaj artismajn valorojn same ne velkemajn, kiel tiuj de Shakespeare.

La temo de la dramo, ke urbestro, per la risko de sia vivo punas oficiron, kiu perfortis lian filinon, ne estas tro komplika kaj ankaŭ la liniogvido estas simpla, travidebla. Sed tre fortefikaj scenoj, trafaj diroj, spritaj ekpensoj, poeziaj kaj tre dramaj paroloj, eble iom tro retoraj, sed bele konstruitaj, brilantaj monologoj abundas en la verko, kiu ofte havas la kapablon — kuntreni la leganton nerezisteble.

Certe la stilo, la lingvaĵo de la verko estas unu el la ĉefaj belajoj de la originalo, do la tradukinto surprenis ne facilan taskon.

Sed en la solvo de ĉi tiu malfacila tasko li surprize eminentis. Eble li pli sukcesis en la spritaj kaj refleksiaj partoj, ol en la sentimentalaj, sed la plej ĝojiga afero estas por la leganto, ke li dum la lego, malgraŭ la versa formo, ĉiam, aŭ preskaŭ ĉiam povas senti tiun bonan Esperantan guston sur la lango.

Vere elegantaj, agrable fluaj estas ĉi tiuj versoj. Krome ni rimarku, ke la versoj sekvas la Zamenhofajn ritmoregulojn, do, kvankam romanligvano, li ne uzas tiujn deflankiĝon, kiujn ni trovas ĉe kelkaj romanlingvaj Esp. poetoj.

Sed ni ne povas preterlasi kelkajn rimarkojn prilingvajn.

La tradukinto ofte uzas erare konjunktivon anstataŭ indikativo aŭ kondicionalo. Ekz. li timas ke oni povu imagi. (Ĝuste: *povos*, aŭ *povus*). Alia: Ne bedaŭru, ke ni lasu... (ĝuste: ke ni *lasas*). En Esperanto nenia regulo ekzistas por la uzo de konjunktivo, do oni ĝin devas uzi nur laŭ la postuloj de la senco.

Alia afero estas la loko de la *ne*. Mi ne vin serĉas — ĉi tio signifas: ne vin, sed iun alian, do mi neas la vorton *vin*. Mi ne serĉas vin — ĉi tio signifas: mi povas havi ion por fari kun vi, sed tio ne estas serĉo, (la frazo ja estas daŭrigebla: ... sed evitas.) Lastokaze do mi neas la vorton *serĉas*. Ĝenerala regulo: „Ne" staras ĉiam antaŭ la neata vorto.

Estas ankoraŭ kelkaj makuletoj, sed tiujn rimarkas nur tiu kiu pasie ĉasas ilin.

Entute la libro, grava pliriĉiĝo! estas urĝe mendinda!

A D A: R E M E M O R O J  D E  E S P E R A N T I S T O.

Eldono de Dimitr Tuĝarov. Tatar-Pazarĝik. Bulgarujo. 85 pĝ. Prezo 1 svfr.

De longe mi deziras legi romanon el la esperantista vivo. Vere nia movado havas sufiĉajn tipojn, kaj ankaŭ sufiĉajn okazajojn por esti fundamento, aŭ almenaŭ fono de romano. Kompreneble mi imagas romanon vere esperantistan, ne tian, en kiu Esperanto estas entrenata kvazaŭ je oreloj, kaj ĝia tuta funkcio estas, ke — ĝi ĉeestas tie.

Tian deziratan romanon mi ne legis ankoraŭ, sed jen estas io plej proksima al mia dezirajo: aŭtobiografio de Esperantisto. En ĉi tiu libro vere homaj sortoj sin turnas ĉirkaŭ Esperanto, kaj por esperantisto, kiu konas la sialandan movadon kaj en ĝi rekonos tipojn ĉie troveblajn, ĝi tute ne estos malpli interesa ol romano.

Vere tiu ĉi libro estas utila al ĉiuj. La entuziasmulo eble pleje ŝatos la kortuŝajn paĝojn, la propagandisto eltiros utilajn konkludojn el la partoj priparolantaj organizon, propagandon ktp. Krome estas partoj ekzemple la ĉapitro pri *Bogdanov* kaj ankaŭ aliaj, kiuj impresas kvazaŭ interesaj noveloj.

La homoj ne estas tro malsamaj, kelkaj variajoj ripetiĝas ĉiam kaj ĉie. Dank' al ĉi tiu vero, la aŭtoro, verkante libron pri sia vivo kaj pri la bulgara Esperanta movado, verkis ion iel similan al spegulo, en kiu multaj esperantistoj kaj preskaŭ ĉiuj naciaj movadoj povas rekoni sin mem.

Kaj ĉion ĉi la leganto ricevas en vere bona, flua, facila stilo, en kiu difektetojn povas trovi nur tre skrupula stilkritikisto. Kaj por ne esti tia, mi estas sufiĉe subaĉetita per la interesa legaĵo. *Vince.*

S T A N I S L A W  B A L I N S K Y: L A  L A S T A  K R A V A T O  D E  A L E K S Y.

El la pola originalo tradukis Stanislaw Karolczik. Biblioteko de Pola Esperantisto. Warszawa. 1925. Prezo 50 gr. 24 pĝ.

Interesa psihologia rakonto kun iom mistike peza atmosfero. Ĝi estas vere leginda.

Sed, sincere, tiaj kajeretoj vere ne estas fierajoj de nia literaturo. Tiaj mallongaj ajoj devus aperi en literatura revuo, eble en ia, 48-paĝa Literatura Mondo. Nu, sed por tio mankas publiko.

Ni ĝoju do ankaŭ pri tiaj kajeretoj, ili estas malpli karaj, malpli pretendemaj kontraŭ esperantistaj oferemoj.

La stilo de la kajereto ne estas malbona, eĉ, ofte verva kaj bela. Sed kravaton oni ne povas *bindi*, ĝi ne estas *libro*. Krome la uzo de la *artikolo* estas ofte konfuza. Amstataŭ *gentelmano* kaj *spleen* eble pli Esperantaj estus *ĝentilhome* kaj *spleno*.

*Vince.*

I N T E R N A T I O N A L  R A D I O  M A N U A L  B Y  H. A. E P T O N.

London. British Esp. Assocn. 1925. 80 pg.

Ne estante kompetentaj pri la verko mem, ni nur esprimas nian ĝojon pri ĉi tiu lerta kaj vasta pliriĉiĝo de la Esperanta vorttrezoro. La manko-kompensa libro certe trovos fidelan aĉentantaron. *Vince.*

A R T U R O  G H E Z: V I  S O L A, E S P E R A N T O, P O V A S  F A R I  T I A J N  M I R A K L O J N.

Eldonanto A. Paolet. S. Vito Al Tagliamento. Pg. 40. Prezo It. L. 1.50.

Oni ne povas nei, ke la stranga historio, kiu nin ridigas en tiu ĉi libeto estas farita kun tiu iom arbitra rajto de temokirlo, kiun la farsverkistoj kutime pretendas al si. Sed tion oni rimarkas nur poste. Dum lego oni ridas, kelkfoje vere bonguste, kaj tio nuntempe estas trezoro.

Sed se la aŭtoro ne estus perforte enŝtopinta Esperanton je la fino, la teatrajo valorus je 30% pli multe.

Stilon li havas tre viglan. *Vince.*

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró